4a jaro Julio 1952 no. 6


# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj





Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


GENERALA SUPERRIGARDO PRI LA 4a IFEF - KONGRESO, OKAZINTA LA 25an - 29an DE MAJO 1952

Lindaŭ, la urbo de la 4a IFEF-kongreso, sendube restos en la memoro de tiuj,kiuj partoprenis ĉi tiun ĉiujaran manifestacion en nia fervojista familio Esperantista. Aserto, ke ĉi tiu kongreso superis la antaŭajn, estus neĝusta sed senskrupule ni povas diri, ke oni perfektigis la tuton per la spertoj el la pasintaj jaroj.Kun ĝojo ni do povis konstati pliperfektiĝantan organizadon dank' al la informoj de antaŭaj aranĝintoj pri diversaj malfacilaĵoj.

Alveninte postnoktmeze en Lindaŭ la nederlanda karavano estis kore akceptata de la LKK-anoj kaj kondukata al la akceptejo kontraŭ la stacidomo.
En mirinde mallonga tempo unu post la alia forlasis la akceptejon kun luiganto (ino) de ĉambroj aŭ kun gvidanto al iu hotelo,kie ĉiuj enlitiĝis kun bonega impreso pri la perfekta organizado.
Dimanĉe la 25an de Majo, la tago, en kiu la kongreso komenciĝis, la nederlandanoj tute freŝaj pro la bonega noktripozo en la puraj kaj komfortaj litoj plenigis la akceptejon por ricevi la kongres-dokumentojn. Dume kun iom da spaco inter la alventempoj alvenis novaj kongresanoj el diversaj landoj. La akceptejo similis abelujon.La franca karavano alvenis kune kun la finnoj kaj norvegojk aj regis agrabla sfero en- kaj ekster la akceptejo. Longdaŭra manpremado kiam oni ekvidis malnovajn konatulojn aŭ interkonatiĝis kun novaj, pli intima ĉirkaŭbrako kiam la revido koncernis malnavajn amikinojn. Estis la kutima kongressfero, kiu rompis la dimanĉan trankvilon en la de fremduloj multnombre vizitata urbeto Lindaŭ.
Inter la stacidomo kaj akceptejo pendis verda tukego kun la stelo kaj esperant - lingva surskribo * Estu bonvenaj en Lindaŭ*. Ankaŭ en la stacidomo la vojaĝantoj estis atentigataj pri la 4a IFEF-kongreso; en la urbo per granda verda tuko super la elirejoj. Informtabulo staris en la halo. Pro la malfrua alveno de multaj delegitoj la unua estrarkunveno ne povis okazi. En la stacidoma restoracio vespere estis la interfratiĝvespero.
La granda salono estis plenplena kiam la prez. de IFEF bonvenigis la kolegaron en tiu ĉi intima festvespero. Diverslandaj delegitoj transdonis la salutojn kaj nia juna amiko Reinhold Ritthaler el Neustadt alparolis la kongresanojn nome de la junularo. Kiom trafe li tuŝis la fadenon de nia interna ideo, kiom bone li regas la lingvon. La junularo ne forgesis la pasinton kaj sopiregas kunlabori por la mondpaco. Li paroladis kun rokfirma konvinko kaj estas por nia movado ĝojiga fakto, ke nia ideo enpenetras en la vicojn de la junularo. Tondra aplaŭdado rekompencis la kuraĝan knabon pro la bonega parolado.
Estis interfratiĝa vespero en la vera senco de la vorto; ne fiksita programo, ne rigida sfero sed muziko kaj gajo. Per la laŭtparolilo oni alvokis tiujn, kiuj estis serĉataj de amikoj ĉar la nombro da ĉeestantoj estis tiom granda, ke multaj nur trovis lokon en malsupra salono.
Subite la lumo en la salono estingiĝis kaj tra la grandaj fenestroj ni ekvidis la honore al la 4a IFEF-kongreso iluminitan havenon de la urbo. Impona vidaĵo.
La 26an matene kunvenis la Terminara Komitato kune kun la estraroj kaj delegitoj en la gastejo *Stift *.
La interesiĝo montriĝis granda ĉar apenaŭ La malgranda salono povis enhavi ĉiujn.
Granda honoro estis por ni la ĉeesto de la oficiala reprezentanto de la Franca fervoja administracio, S-ro Dalidet.
Nome de la T.K. S-ro Pape detale informis nin pri la laboro farito, el kio montriĝis, ke kontentigaj progresoj estas kon -

stateblaj. Unuanime oni laŭdis la gravan laboron de la T.K-anoj faritan, i.a. la S-ron Resher el Anglio, la S-rojn Rebiĉek (patro kaj filo) el ĉeĥoslovakio, kie cetere estas pluraj kunlaborantoj, La S-rojn Lienhardt kaj Blin el Francio kaj la S-rojn Pape kaj Simon el Germanio. Blondeaux ( Francio), Bouwkamp ( Nederlando kaj Thorstedt (Danio) raportis pri la laboro en la respektivaj landoj, kie oni jam okupas sin pri la tradukoj de la fakterminoj el la materialo sendita de S-ro Pape. Okazis viglaj diskutoj pri la eldonado, presado, stencilado kaj la amplekso de la estonta terminaro. Estas memkompreneble, ke oni ankaŭ turnis sian atenton al la financa flanko.
Kolego Blondeaux montras specimenon de plurlingva Fervoj-terminaro laŭ propono de S-ro Lienhardt kaj samtempe sistemon por tre malmultekoste stencili provizoran terminaron.
S-ro Pape detale respondas la parolintojn kaj skizas la neceson de firma bazo sur kiu oni povu pluen konstrui. Por ke la membroj havu plej baldaŭ uzeblan terminareton kun 2000 fakterminoj, li proponas preni ilin el * Lexique Technique Ferroviaire * eldonita de SNCF. Tiu traduko estos preta en la venonta kongreso, post kio la landaj Asocioj povos eldoni ĝin. Kelkaj delegitoj esprimis la dezirindecon sendi la tradukojn unue al la lingva komitato.
Fine de la kunsido kolego Simon transdonis al ĉiu landa delegito memoraĵon konsistanta el arte farita standardeto kun fluganta rado super la nacia flago kun la verda stelo.
Posttagmeze okazis estrarkunveno en la sama salono, en kiu oni pritraktis internajn aferojn kaj interŝanĝis opiniojn kaj spertojn.
La solena malfermo okazis en la urba te-
Friederichshafen malfermis la vesperon per * Triumfa marŝo el Aida* de Giuseppe Verdi, la salonego estis plena. Multaj oficialaj reprezentantoj de diversaj fervojaj instancoj ĉeestis, kiuj post la impona muziko salutis la kongreson.
La prezidanto de la LKK, S-ro Pape bonvenigis la superan urbestron, la oficialajn reprezentantojn, la ĉefestraron de IFEF, la delegitojn kaj la ĉeestantajn gemembrojn kaj donis la parolon al:
la supera Urbestro, geheimraht Frisch, al la reprezentanto de la Austria fervoja administracio, S-ro Frischauf, la reprezentanto de la norvega fervoja administracio, S-ro Carlsen, la reprezentanto de la Francaj fervojoj, S-ro Dalidet, kaj la germana reprezentanto de la fervoja administracio, Direktoro D-ro Rexius.
Sekvis longa vico da parolintoj, kiuj ĉiuj kore salutis la kongreson kaj deziris al ĝi fruktedonan laboron.
S-ro Walder nome de UEA, K-do Ŝmalerid nome de SAT, S-ro Stainer nome de GEA, S-ro Ziegler nome de UEA en Germanio. nome de la Aŭstria fervojista sindikato Kolego Zink, kolego Hartjen nome de la germana fervojista sindikato. S-ro Kullik nome de la fervojaj oficistoj, nome de la sindikato de la lokomotivistoj S-ro Meier, kaj nome de la germanaj faklernejoj S-ro Wagner.
La fervoja orkestro ludis * Saluto al Hans Sachs * el Die Meistersinger de Richard Wagner, post kio la landaj delegitoj salutis la kongreson.
Sighatner el Aŭstrio, Ducks el Britio, Thorstedt el Danio, Ruhanainen el Finlando, F-ino Lemonnier el Francio, Zacconi el Italio, Labordus el Nederlando, Carlsen el Norvegio kaj Tarelôv el Svedio.
La prezidanto de IFEF fine de sia parolado malfermis la 4an IFEF-kongreson kaj tuj poste la orkestro ludis la Himnon starante kantata de ĉiuj ĉeestantoj.
Profundan impreson postlasis en nia memoro la solena malfermo de nia 4a kongreso.
Marde antaŭtagmeze kaj merkrede okazis la laborkunsidoj, pri kiuj aperos apartan raporton. Marde posttagmeze okazis vizito al la riparejo en Friederichshafen, kie post la vizito okazis fakprelegoj.
La prelegintoj estis, kolego Turbellier el Francio, S-ro Schuchmann kaj Simon el Germanio kaj D-ro Spadafora el Italio.
Dum tiuj prelegoj pri aktualaj temoj la terminoj estis aplikataj kaj montriĝis la taŭgeco de Esperanto ankaŭ por teknikaj temoj. Tre malfrue la vizito al Friederichshafen finiĝis.
Jaŭde kaj vendrede okazis ekskursoj sur la lago Konstanca kaj al Obersdorf, kie oni vizitis aŭtobuse Breitachklam aŭ per metalŝnurfervojo la monton * Nebelhorn*.
La amplekso de nia BULTENO ne lasas al ni sufiĉe da spaco por priskribi ĉion interesan. Reveninte en Lindaŭ ni adiaŭis unu la alian per komuna kantado.
Nia 4a kongreso nun estas pasinta tempo. Nur estas al ni eble cerbumi kaj pense ĝui ĉion travivitan. La tagoj tiom rapide forflugis kaj antaŭ ni estas tuta jaro, kiu postulas de ni ĉiuj novan kaj freŝan fortojn por daŭrigi la laboron sur niaj postenoj. Kun sento de plena kontenteco ni povas rigardi malantaŭen al la ĵus finiĝinta kongreso.
Resume ni venas al jena konkludo: Perfekta organizado. Bonege sukcesinta interfratiĝa vespero, tre impona solena malfermo de la kongreso, viglaj diskutadoj dum la diversaj kunvenoj kaj laborkunsidoj, interesaj prelegoj kaj fine du neforgeseblaj ekskursoj.
Krome ni ne subtaksu la moralan venkon en nia lasta kongreso ĉar la ĉeesto de 4 oficialaj reprezentantoj de diverslandaj fervojaj administracioj, la ĉeesto de la reprezentantoj de diversaj sindikatoj montras klare la pligrandiĝantan interes-

iĝon pri nia movado.
Krome la monbro de salutleteroj kaj telegramoj estis pli granda oi iam antaŭe. Inter ili estis telegramo de *The National Union of Railwaymen*, la plej granda fervojista sindikato en Britio.
Montriĝos neeble danki ĉiujn reprezentantojn de la diversaj fervojaj instancoj kaj simpatiantaj organizoj pro la salutvortoj kaj bondeziroj, kaj ankaŭ ne la sendintojn de salutleterojk aj telegramoj sed ili estu konvinkitaj, ke ni kun sincera danko ricevis ĉion. Nome de la IFEF-estraro mi ĉiloke dankas ĉiujn pro la tre simpatia gesto.
Laste mi, nome de ĉiuj kongresanoj, tutkore dankas la LKK-on pro la perfektaj aranĝoj. Ni forte premas la manojn de la LKK-anoj en la kongreslibro menciitaj. De proksimeni vidis la seninterrompajn streĉojn por ordigi ĉion. Laŭdon al ĉiuj! Estas tamen ankaŭ personoj, kiuj kvazau laboris malantaŭ la kurtenoj sed kies kontribuo ne estis malpli grava. Ekzemple la estro kaj la geservistoj en la fervoja kantino en Lindaŭ kaj la nura esperantisto tie, kiu kvankam ne fervojisto ĉiutaĝe ĉeestis por ke ĉiu havu lokon. Ankaŭ al ili mi sendas nomecde la IFEF - estraro nian tutkoran dankon pro la farita laboro.
Mi nun finas mian raporton kun la instigo al ĉiuj IFEF-anoj resti aktivaj ankaŭ en tiu ĉi jaro.
Ni ĉerpu el tiu ĉi konciza ĝenerala raporto la konvinkon, ke unueco signifas forton. Ĉiu IFEF-ano povas alporti brikon eĉ nur per akurata alsendo de la kotizo. La IFEF-estaro de kalkulas je la plena kunlaboro de ĉiuj gemembroj por ke ni povu festi venontjare en Utreĥto nian kvinjaran jubileon ankoraŭ plimultnombre ol ĝis nun.
Unu el la oficialaj reprezentintoj dum la solena malfermo diris: * La fervojistoj ĉiam batalas en la plej antaŭaj vicoj porvrealigi idealojn; *ni do montru tion ankaŭ en nia movado Esperantista!
La jaro 1952a do estu jaro de eksterordinara aktiveco por ni ĉiuj por ke la membronombro estu en 1953..........? al vi la respondo!
Vivu IFEF kaj ĝis la revido en nia jubilea kongreso en Utreĥto!

La Ifef-sekr.

*Por ke en ĉiuj landoj niaj aktivuloj jam nun faru la necesajn paŝojn por agnosko de nia movado ĉe siaj fervojaj direkcioj ni jam nun donas la tekston de la resolucio akceptita en nia Lindaua Kongreso. En ĉiuj landoj kie tio estas necesa oni do klopodu al efektiviĝo de la punktoj esprimitaj en jena Resolucio:*

La kvara IFEF-kongreso, okazinta de la 25a - 30a de majo 1952 kaj partoprenintа de 450 fervojistoj el 11 landoj proponas al la fervojaj administracioj la konsideron de jenaj punktoj:

1. La Fervojistaj Esperantistoj fariĝu parto de la kultura organizo fervojista ,kiel estas jam fakto en Francio, Germanio, Italio kaj Nederlando.
2. La fervojaj administracioj donu al la Esperantistoj la samajn favorojn, kiujn ili donas al la sportistoj, ŝakludantoj kaj muzikistoj.
3. La Administracio fervoja donu al siaj dungitoj, kiuj scipovas la lingvon * Esperanto * la samajn favorojn, kiujn ili donas al la fervojistoj parolantaj alian lingvon krom sia nacia.

## ALVOKO

Ĉiu landa Asocio de IFEF kaj laŭ sia ebleco ĉiuj individuaj IFEF-anoj estas afable petataj havigi baldaŭeble, sed laste je la fino de Aŭgusto, al la provizora adreso de nia estonta Asocio Belga la jenajn ekspoziciaĵojn:

1) Naciajn geografiajn kartojn fervojajn (grandformataj)
2) Nacilingvajn oficialajn fervojajn- kaj sindikatajn revuojn.
3) Nacilingvajn afiŝojn eldonitajn de la fervojoj.
4) Naciajn fervojajn horarojn.
5) Stacidomajn bildkartojn, filatele kaj bildflanke afrankitajn.
6. Fotojn pri la fervojista medio (prefere ili estu gluataj sur malpeza kartono)
7) Fotojn pri la pasintaj IFEF-kongresoj.
8) Aliajn interesajn fervojaĵojn.

Sinjoro De Bruyne preparos geografian mondkarton fervojan, kiu pere de la senditaĵoj okulfrape pruvos la disvastigadon kaj utilecon de nia Federacio.
Post la diversloka uzado, la materialo estos je la dispono de la sendintoj.
Ni kore jam anticipe dankas la sendontojn kaj invitas jam nun niajn kolegojn, kiuj deziras partopreni la starigon de la Belga Esperantista Fervojista Asocio (BEFA). La adreso por sendi la materialon estas: S-ro De Bruyne - Pieters, Herzieningslaan 59, Brussel (Zuid) Belgio.
Sendu grandamase la materialon al ĉisupra adreso.

## RADIO-ELSENDOJ EN ESPERANTO

Ni konsilas al niaj anoj, kaj speciale al tiuj, kiuj ne ĉiam havas okazon praktiki esperanton, regule aŭskulti la radio-elsendojn en esperanto.
La stacioj Bern, Bauru (Brazilio), Hilversum I kaj II, Madrid, Paris, Rabat (Maroko), Roma, Ryssel (Lille) kaj Wien I regule donas okazon perfektiĝi en esperanto laŭ plej agrabla maniero.
La temoj ofte havas mnstruan karakteron, la parolantoj ĉiam perfekte regas la lingvon. Speciale interesakaj instrua por fervojistoj estas la elsendoj de Radio Wien I (ondolongo 25,46 - 48,75 kaj 513,7) kies temoj ĉiumerkrede de la 22 a horo kaj 35 ĝis 22,40 rilatas la fervojon kaj ĝiajn dungitojn, fervojteknikon, IFEF ktp. Baldaŭ nia amiko Zink parolos tie pri siaj impresoj dum la Lindaŭa kongreso.

## FERIO-SEMAJNO EN NEDERLANDO.

Ankoraŭfoje ni atentigas niajn anojn pri tio, ke la kostoj por la feria semajno en Zwolle estas nur 25 guldenoj.
Kontraŭ tiu malalta sumo oni ricevos 7 tranoktojn kaj 21 manĝojn.
Ekskursojn oni devas pagi aparte.
Anoncu vin antaŭ la Ia de aŭgusto ĉe: W. Gelderman, Lindestraat 57, Zwolle.

Kun danko ni kvitancas jenajn donacojn por nia Bulteno.
8a listo.
El Francio de A. Godard 10.00; N.N. 0.88; el Nederlando de fervojista sindikato N.V. 25.00; FERN 2.50; J.Lok 1.00; el Svedio de E.Lord 0.40; A.Molmkvist 0.40; el Svisio de tri abonantoj 4.00; H.Bipp 5.32; E.Keiser 0.20; W.Sonderegger 5.40; Walder 0.20; en Lindaŭ per kolekto en la laborkunsido 48.40; per kolekto sur la ŝipo 38.51. Kiel kutime la ciferoj estas laŭ Nederlanda Guldeno.

## EL LA GAZETARO

*Boletin*, la organon de la Hispana Esperanto-Federacio kun ĝia riĉa enhavo ni regule ricevas.
La kongreso de la Hispana Federacio okazos en Valencio 26--29 de julio 1952.

En *La Ponto*, la organo de la Germana Esperanto-Asocio, aperis raporto de la Fervojista Sekcio. En ĝi nia tre aktiva kolego Pape detale skizas la celon de IFEF. Atentigante pri la 4a IFEF-kongreso en Lindaŭ, li donas kelkajn interesajn direktivojn pri la laboro kaj celo de la terminara komitato.
Estas agrable konstati, kiom bona estas la kunlaboro inter la diversaj Esperanto-Asocioj. La raporto aperis en N. 4, de aprilo 1952.

En la aprila numero de *L.E.*, la organo de la Asocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando, H.W.A. pritraktas la jarraporton de IFEF kaj en ĝi trafis lin precipe la kreskado de la membronombro.
Laŭ la maniero propra al li, H.W.A. prezentas al la legantoj la grandan utilon de nia internacia lingvo Esperanto, per kiu la IFEF-anoj el 15 landoj interkorespondadas, kiun lingvon ili parolas dum siaj kongresoj kaj kunvenoj, kaj en kiu lingvo la organo Bulteno estas redaktata.
Li komparas IFEF kun la potenca Sindikata Internacio, I.T.F. kun centmiloj da membroj, kiu korespondadas, la Diablo sciu en kiom da lingvoj.
Resume li konstats, ke tiuj simplaj fervojistoj ne bezonas tradukistojn aŭ interpretistojn dum siaj kongresoj.

La riĉe ilustritan organon *Behind The Railway Scene* de la Australiaj fervojoj en Victoria, ni ricevis pere de niaj aŭstraliaj kolegoj. Ĝi estas plena de teknikaj artikoloj kaj ni afable petas al niaj transoceanaj kolegoj traduki plurajn artikolojn el tiu organo.

En *Weekblad* No. 19 de la 10a de majo 1952, organo de la nederlanda fervojista sindikato, N.V., aperis artikoleto pri la antaŭkongreso de FERN kaj la 4a IFEF-kongreso en Lindaŭ.
Lasttempe pli regule aperas en tiu ĉi organo artikoloj, kio ilustras la pligrandiĝantan intereson pri nia movado.

Ni ricevis detalan raporton pri la fervojista fakgrupo en Linz. La raporto klare montras ke la amikoj Streitner, Angermayr, Sieghartner kaj Bürger kun entuziasmo kaj sindono daŭrigas sian pioniran taskon en tiu urbo.

## DEZIRAS KORESPONDI

Teknika oficisto en la vaporlokomotivejo de Linz deziras korespondadi kun samideanoj en Danio, Svedio, Nederlando kaj Britio.
Skribu al jena adreso: Walter Ulrich, Hugo-Wolfstrasse 33 Linz (Donaŭ) Aŭstrio.